# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 05/05/2016 Ducentsesdekoka eldono 05/05/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**




**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 306.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **380,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# 121. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## F a r i v o r t o j n . E.

Se la specialeco mankas, oni ne povas krei aglutinan kunmetaĵon, do ne eblas "seĝotuko", ĉar ne ekzistas speciale fabrikita tuko speciale por seĝoj. Sed ekzistas "seĝkusenoj", speciale uzataj sur seĝoj. La sama regulo validas en etnaj lingvoj, ekz. en la neaglutina franca "fromage de Hollande" temas pri speciala speco de fromaĝoj kaj en "les fromages de la Hollande" temas pri fromaĝoj kiuj hazarde alvenis el Nederlando. En la ĝermanaj lingvoj okazas la samo kiel en Esperanto, kvankam nature la angla ofte malobeas unu el la flankreguloj, sed preskaŭ ĉiam obeas la plej gravan regulon ke la ĉefelemento troviĝas laste antaŭ eventuala finaĵo: "two heart attacks" (du koratakoj). Sed ankaŭ la aliaj aglutinaj lingvoj eŭropaj havas esceptojn al la reguloj. Nur Esperanto, kiel perfektema interlingvo, ne havas esceptojn kie tio eblas.

Daŭrigota.

Marcel Leereveld.

# Marcel Leereveld ne nur aŭstralia instruisto sed tutmonda



Marcel Leereveld ne nur instruas puran Esperanton al aŭstralianoj sed al la tuta mondo. Ĵus aperis nova artikoleto de li en http://bonalingvo.net/index.php/Vortpluformado . De jaroj li kunlaboras kun la grupeto, kiu diskutas en la listo 'la bona lingvo', kaj produktis la vortaron en http://bonalingvo.net/index.php/Simplaj_samsignifaj_vortoj_-_listoj .

Dankon pro la aperigo. Renato Corsetti

# Esperanto-Domo Sidnejo



Anoj kunvenas la unuan dimanĉon de ĉiu monato 13:00
Aferkunveno antaŭe je 11:00. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

Venis Roger, Dmitry, Nicole, Ago, Robert, Ian, Volo kaj unu lernantino, Jai
Jai estas memlernantino sen komputilo. Merkrede, 2foje ĉe EDomo, Roger kontrolis ŝian prononcadon. Ŝi interparolis iomete uzante esperanton kun esperantistoj dum la kunveno.
La aferkunveno diskutis Meetup, sunelektro, la muzika nokto kaj aprobis alien kunvenon je 14a de majo. Dmitry planas revivigi Telopeon la EFNSKan gazeton.

★★★★



# Nova speco de kunveno ĉe Esperanto-Domo

Okazis la 16an de Aprilo, Sabaton, 6ptm, nokto kun muziko, pico kaj novaj amikoj.







En ĉi tiu videoblogo, mi prezentas al vi la unuajn filman, muzikan, kaj pican Esperanto-nokton en Sidnejo. Ĉi tiu evento ekzistas por allogi junulojn al Esperanto kaj por distri la nunajn junajn esperantistojn. Dekkvar venis. https://www.youtube.com/watch?v=4jAAQS8LSvI
La dua okazos la 14an de Majo, Sabaton, 6ptm, nokto kun muziko, pico, amikoj, ktp.

# Esperanto-Klubo de Centra Marbordo (NSK)

La reklamita kunveno por la 8a de Majo estas nuligita. Venu al la Junia kunveno.

# Nova kurso de Esperanto por telefonoj senpage elŝutebla!



Sendis al AE
Katja Steele

Internacia Esperanto-Instituto en Hago hieraŭ lanĉis – post stadio de testado kaj korektado – novan aplikaĵon por lerni Esperanton en la butiko de Googleplay, vidu:
https://play.google.com/store/apps/details?id=com.embarcadero.esperanto



Jen kion raportas pri ĝi la retpaĝo de Internacia Esperanto-Instituto en Hago, http://www.iei.nl/ieieo77.htm

Ĵus aperis: Esperantokurso per rekta metodo kiel apo por Android (Google) poŝtelefonoj




Tre konata estas la Esperanto-kurso *Esperanto per rekta metodo* de Stano Marček.
(https://play.google.com/store/apps/details?id=com.embarcadero.esperanto)



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

**Venu ĉi sabaton la 7a je Majo**





**3ZZZ** La konsilantaro de 3zzz decidis ne plu sendi averton al la membroj pro altigo de la prezo de poŝtmarkoj. Bonvolu noti ke la jarkunveno okazos en la nova radiostacio 309 Albert strato en Brunswick vendredon la 3an de junio de la 3a ĝis la 5a horo.

Espereble multaj membroj venos por diskutí la organizadon de nia programo kaj vidi kiel aspektas la nova ejo

La kunvokanto por la grupo Esperanto en 3zzz

Franciska Toubale

## Vortoj de "Lernu"

PASIO

1. Fervorega inklino al io; arda deziro:
Mia sola pasio estas kantado.
Malplaĉas nenio, se taksas pasio.
Li estas pasia ŝatanto de la kazino.
Ĉu tiu ludo ne pasiigos vin?
2. Arda kaj senbrida amo:
Ŝi ne kaŝis sian pasion al li.
Mia pasia amo al li neniam finiĝos.
Li tre pasie amis tiun knabinon.
Ŝi estis malvarma kaj senpasia.



CIRKULI

1. Rondire senhalte moviĝi:
La sango cirkulas en angioj.
Nun estas tre granda cirkulado sur vojoj.
La amikinoj tre rapide cirkuligis kalumnion.
2. Ire kaj reire moviĝi:
De la frua mateno aŭtobusoj kaj trajnoj cirkulas en la urbo.
Pro tia cirkulantaro malfacilas stiri aŭton.
3. Pasi de iu al alia:
Ĉiutage multege da mono cirkulas en la bankoj.
Por cirkulado de varoj necesas pagi imposton.

